Jaro 14 Decembro 1962 N-ro 8



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Da Costakade 50, Utrecht, Nederlando

## *Antaŭpreparoj por la 15-a IFEF-kongreso*



**Lord Mayor de Stoke-on-Trent kaj urba sekretario Harry Taylor akceptas en la urbdomo la prezidanton de IFEF kaj LKK-prezidanton Horace Barks.**

*(Foto publikigita kun afabla permeso de la regiona ĵurnalo Evening Sentinel)*




# LA 15-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - KONGRESO

en Stoke-on-Trent, Britio, inter la 11-a kaj 17-a de majo 1963

Bankkonto ML.12. C.W.S. Bank, Stoke-on-Trent

Korespondadreso: S-ro Horace Barks, 24 Marsstreet, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio

Landa Kongresa Komitato:
prezidanto: Horace Barks
sekretario: R. W. Deakin
kasisto: T. C. Tasker

## 2-a KOMUNIKO

### KONGRESA PROGRAMO

**Vendredo 10-5:**
Malfermoj de la kongresejo. Akcepto.

**Sabato 11-5:**
Distribuado de la kongresdokumentoj.
15.30 Redaktora kunveno.
19.00 Kunveno LKK kaj IFEF-estraro.
19.30 Interkonatiĝa kunveno en „Kings Hall".

**Dimanĉo 12-5:**
9.30 Solena malfermo de la kongreso en Jubilea Halo, fotografado en „Kingsway".
12.30 Komuna manĝo en „Kings Hall".
14.15 Aŭtobusekskurso norden al Jodrell Bank, Sandbach ktp. Proksimuma alveno en Trentham Gardens 18.30. Vespermanĝo; poste reiro al Stoke laŭ la suda limo de la urbo.

**Lundo 13-5:**
9.15 Estrara kaj delegitara kunveno.
12.00 Manĝo en „Kings Hall".
14.00 Estraro kaj delegitaro vizitas Queensberry Lernejon.
16.00 Kunveno de la Fakprelega Komitato.
17.30 Vespermanĝo en Kings Hall.
19.30 Teatraĵo kaj distraĵo en Mitchel Teatro, Hanley.

**Mardo 14-5:**
9.15 Kunveno de la Terminara Komitato.
12.00 Manĝo en „Kings Hall".
14.15 Duontaga aŭtobusekskurso al Alton, Dovedale kaj Buxton. Vespermanĝo. Reiro al Stoke.

**Merkredo 15-5:**
9.15 Unua laborkunsido.
12.00 Manĝo en „Kings Hall".
14.30 Inaŭguro de Esperanto-strato.
16.00 Kunveno de la junularo.
17.30 Vespermanĝo en la Jubilea Halo.
20.00 Urba akcepto kaj balo en „Kings Hall".

**Ĵaŭdo 16-5:**
9.15 Dua laborkunsido.
12.00 Manĝo en „Kings Hall".
14.30 Fakprelego en la Jubilea Halo.
17.00 Vespermanĝo en „Kings Hall".
19.30 Akcepto de la kongresanoj en la Muzeo de Hanley. Demonstracio de la potfarista arto, farita de la plej lerta „trower" el Stoke.
19.30 Por la junuloj distra vespero en „Harold Clowes Community Hall" en nova kvartalo Ubbery-Bentilee. Demonstrado de dancoj.

**Vendredo 17-5:**
Tuttaga ekskurso per vagonaro al Llandudno, Kimrujo. Ekveturo de la stacidomo en Stoke proksimume je la 9-a horo. Manĝo je la 12.30. 17.30 fermo de la kongreso; 19.30 ekiro al Llandudna stacidomo por reveturi al Stoke.

**Sabato 18-5:**
Adiaŭo.

## ĜENERALAJ INFORMOJ

Oni proponas aranĝi apartan vagonaron el Londono je sabato la 11-a de majo, kaj ni deziras scii je kiu horo la plimulto de la kongresanoj estos en Londono. Sendube multaj tranoktos je vendredo en Londono. Aliaj alvenos per la noktŝipo el „Hook of Holland", alvenonte en Londono (Liverpool Street Stacidomo) post la naŭa, do ni provos aranĝi apartan trajnon ĉirkaŭ la dek-unua.
N.B. La Londona Esperanto Klubo kunvenas vendredon apud Euston stacidomo, de kie ekiras la vagonaro al Stoke-on-Trent.

LKK intencas instali malgrandan ekspozicion de Esperanto-materialo en la urbdomo. Ĝi petas alsendon de bonaspektaj esp-gazetoj, modernaj flugfolioj, interesaj poŝtaĵoj ktp.

Oficialaj delegitoj menciu sur la aliĝilo **DELEGITO,** kaj nepre kunportu la malgrandan standardon.
Junuloj, kiuj deziras partopreni la distran vesperon je ĵaŭdo, menciu tion klare sur la aliĝilo.

## LA IFEF-ESTRARO DEZIRAS AL ĈIUJ MEMBROJ AGRABLAJN FESTOTAGOJN KAJ MULTE DA FELIĈO KAJ PROSPERO EN 1963.

## PRI LA PREPAROJ POR NIA 15-a

Post la brila sukceso de nia 14-a kongreso en Budapest, pri kiu aperis favoraj raportoj en multaj Esp-gazetoj, niaj pensoj jam okupas sin pri la aranĝado de nia 15-a en Stoke-on-Trent.
Grandega estos la tasko de nia amiko Horace Barks la ĉefa organizanto, kiu sendube renkontos multajn malfacilaĵojn en la plenumado de la tasko, kiun li kuraĝe prenis sur siajn ŝultrojn.
Komparo kun Budapest ne eblas, ĉar en Britio ni ne renkontos tiun entuziasman sintenon flanke de la plej altaj oficialaj instancoj, kaj ne tiun malavaran helpon, kiun ni ĝuis en Hungario.
Tamen krom la ekzemplodona Budapeŝta kongreso, ni ja gardas ankaŭ belegajn memorojn pri Barcelono, kaj pri ĉiuj antaŭaj kongresoj, kies organizintoj aranĝis por ni neforgeseblajn eventojn, ekskluzive per propraj fortoj kaj rimedoj.
La entuziasma laboremo de kolego Barks estas por ni garantio ke ankaŭ nia 15-a okupos bonan lokon en la vico de tiuj memorindaj kongresoj. Jam videblaj estas la unuaj bonaj rezultatoj de lia aktiva laborado, pri kiu mi koncize raportas:
Por havi ian komprenon pri la stato de la aferoj en Stoke-on-Trent, mi akceptis la inviton de kolego Barks por prezenti nian movadon ĉe iuj, al ni favoraj, instancoj, kaj por partopreni en eventuale necesaj intertraktoj.
Dum mia mallonga restado en Stoke-on-Trent montriĝis, ke la laboro jam bone marŝas. Provizora kongresprogramo, kiu jam pretiĝis, estis vaste priparolata; ekskursoj jam estas en preparo.
Dum nia vizito al la afabla ĉefurbestro de Stoke-on-Trent mi havis la impreson ke sub instigo de la estimata „Lord Mayor" la urba estraro faros sian eblon por dece akcepti nian kongreson. Kiel plej grava privilegio, ni supozeble povos disponi pri la bela urbdomo kun ĝiaj belegaj salonoj por la solena malfermo kaj pri la apuda Reĝa Halo, kiu bonege taŭgas por la interfratiĝa vespero kaj la internacia balo. Cetere la urbdomo havas malpli grandajn salonojn, bone uzeblajn por delegitara kaj fakaj kunvenoj, kvankam ideale ŝajnas al mi, ke estraro, delegitoj, redaktoroj kaj anoj de la fakprelega kaj terminara komitatoj komune loĝu en la bela Wedgwood Kolegio, situanta nur malmultajn kilometrojn de Stoke-on-Trent. Ĉar ankaŭ ĝi bonege taŭgas por la fakaj kunvenoj, dum la foresto de, en akceptejo kaj oficejo svarmantaj kongresanoj, garantias la ĝustatempan starton de la kunvenoj en trankvila sfero. Tiun aranĝadon ni cetere lasu en la manoj de la organizantoj, ĉar la loĝado estas unu el la plej gravaj problemoj de la kongreso.
Malmultekostaj hoteloj ne abundas en la kongresurbo. Feliĉe ni povas kalkuli pri la utila helpo de la urba sekretario sinjoro Harry Taylor, kies simpatio por nia kongreso estas por ni multvalora.
Praktike estos, ke almenaŭ la delegitoj anoncu sin sufiĉe frue, kaj ke ĉiuj funkciuloj, partoprenontaj fakan kunvenon, menciu sian specialan taskon en la aliĝilo.
Sekve de la priparoloj kun amiko Barks, la IFEF-estraro sendis petskribojn al iuj instancoj, por veki ĉe ili interesiĝon por nia kongreso, kaj por instigi ilin al praktika helpo. Kiel unuan rezultaton de tiu agado ni ricevis respondon de sinjoro G. R. Stuart, la distrikta ĉefo de „London Midland Region", ke li donos al s-ro Barks plenan kunlaboron koncerne la vojaĝaranĝojn de la Esperantista Kongreso en Stoke-on-Trent.

Ankoraŭ ne estas tempo konigi ĉiujn detalojn de la preparoj, ĉar antaŭ ĉio ni lasu al kolego Barks la okazon trankvile labori kaj trovi solvon por la plej gravaj problemoj. Ĉiu, kiu sin anoncas sufiĉe frue, multe faciligas al li tiun laboron.

Ne hezitu, ĉar jam nun estas videble ke ankaŭ nia 15-a kongreso estos brila evento, en kiu ankaŭ vi ne devos manki.
Volonte renkontos vin en Stoke-on-Trent

la IFEF-prezidanto.

---



*D-ro L. L. Zamenhof*

## 75 JAROJN ESPERANTO

Estis ĝuste antaŭ 75 jaroj kiam la aŭtoro de Esperanto d-ro L. L. Zamenhof publikigis sian elpensitan internacian lingvon. En tiu tempo, kiel li mem diris, li timeme sin demandis, ĉu post dek aŭ dudek jaroj iu en la mondo scias ankoraŭ ke ekzistis iam Esperanto. Kaj se Esperanto vivos ĉu oni tiam ankoraŭ povos kompreni ion, kio en Esperanto estis skribita en ĝia unua jaro, kaj ĉu angla aŭ germana esperantisto povos kompreni esperantiston hispanan aŭ japanan.
Nun pri ĉi tio la historio jam donis plenan kaj perfekte trankviligan respondon. Ĉiu el vi scias, ke verko skribita en bona Esperanto antaŭ 75 jaroj, en plena mezuro konservas sian bonecon ankaŭ nun, kaj la legantoj eĉ ne povas diri, ke ĝi estis skribita en la unua jaro de la ekzistado de nia lingvo.
Ĉiu el vi scias ke inter la stilo de bona angla aŭ germana klasika stilo, de bona hispana aŭ japana esperantisto en la nuna tempo ekzistas absolute nenia diferenco. Esperanto konstante progresas kaj riĉiĝas, kaj dank' al la reguleco de sia progresado ĝi neniam ŝanĝiĝas, neniam perdas la kontinuecon kun la lingvo de tempo pli frua.
Lingvo, kiu eltenis la malfacilan provon dum 75 jaroj, kiu en plej bona kaj ĉiam pli floranta stato travivis jam pli ol tutan homan generacion, kaj estas jam pli maljuna ol multaj el ĝiaj uzantoj; lingvoj kiu travivis la plej terurajn mondmilitojn, kaj kreis jam grandan, potence kreskantan literaturon. Lingvo, kiu havas sian historion kaj siajn tradiciojn, sian tute precizan spiriton kaj siajn tute klarajn idealojn.
Tia lingvo ne bezonas jam timi ke io pereige depuŝos ĝin de tiu natura kaj rekta vojo laŭ kiu ĝi evolucias. La vivo kaj la tempo garantiis al Esperanto naturan forton, kiun neniu senpune povas malrespekti.
Estas ĝojiga fakto ke la oficiala agnosko de Esperanto konsiderinde kreskas: Zamenhof-monumentoj pliiĝas, diversspecaj kongresoj, someraj universitatoj, seminarioj, feriosemajnoj ktp multiĝas kaj cento da urboj en Eŭropo kaj ankaŭ en la aliaj kontinentoj jam donis al unu el siaj stratoj la nomon de d-ro Zamenhof, kiu publikigis en 1887 en Varsovio sian unuan lernolibron de Internacia Lingvo sub la pseŭdonimo „D-ro Esperanto", kio signifas: la homo kiu esperas. Fakte Zamenhof esperis ke tiu libreto de vortradikoj komunaj al la ĉefaj hindo-eŭropaj lingvoj servos kiel bazo de neŭtrala komunikilo inter la diversaj popoloj, kaj ke la uzado donos al ĝi la kreskon, la riĉecon kaj la fluecon de vivanta lingvo. Por tion ebligi Zamenhof fiksis kelkajn simplajn regulojn de gramatiko, kaj liston de prefiksoj kaj sufiksoj por derivado normala. Li fidis al la vivo kaj la naturo por la resto, anstataŭ proponi tute pretan artefaritan fabrikaĵon.
Ĉefe en tiu saĝo kuŝis lia scienca klarvido. Efektive la lingvo vokalsona, kiun oni aŭdas el diverslandaj radio-stacioj kaj en ĉiam pli multaj internaciaj kongresoj sub la nomo Esperanto, konstruis sin mem por la uzado sur la fundamento donita de d-ro Zamenhof, kiu volis esti iniciatoro, ne kreinto, kiel li mem diris.
La kresko de la lingvo kaj de la literaturo en Esperanto estis forte helpata de la idealista motivo kiun inspiris Zamenhof kaj liajn amikojn. Li naskiĝis la 15-an de decembro 1859 en Bjalistok, Pollando. Lia patro estis instruisto de fremdaj lingvoj. La filo Ludoviko suferis jam kiel infano pro la malamikaj partoj de la loĝantaro de Bjalistok. Lingvoj, kutimoj, religioj malsamis, kaj antaŭjuĝoj dividis la homojn. La knabo havis la impreson ke nescio kaj miskompreno kaŭzis multajn el la plej krudaj interbataloj. Li opiniis ke komuna lingvo forigus parton de la baroj, kaj ebligus almenaŭ interkompreniĝon inter malsamaj popoloj. Tiu ideo lin sekvis al Varsovio, kien migris la familio kaj kie li eniris la gimnazion. La ideo

sekvis lin eĉ dum lia tuta kariero kun la volo dediĉi sian vivon al la repaciĝo inter la nacioj. Zamenhof profunde sentis la fundamentan unuecon de la homaro sub la diversaj apartiĝoj kaj akcentis tiun senton en siaj postaj poeziaj verkoj, ĉar li havis poetan kaj profetan spiriton.
Zamenhof antaŭvidis ke venos tempo, kiam la homaro serĉos sian animon kaj bezonas organon por ĝin esprimi. Tiu konvinko instigis lin ne nur al lingva, sed al literatura iniciato, kaj ĝi certe donis flugilojn al la esperanto-movado kun ĝiaj kongresoj, ĝia gazetaro kaj ĝia libraro. Tion konstatis ankaŭ la ligo de nacioj en la raporto voĉdonita de sia ĝenerala kunveno en 1922 kaj UNESCO en sia rezolucio de 1954, deklarante ke la rezultatoj atingitaj per Esperanto, korespondas al la celoj de UNESCO mem por akceli tuthomaran konscion, kaj ĝuste tion deziris Zamenhof.
Neniu lingvo vivas sen animo. Ĉiu nacia idiomo esprimas la animon de unu popolo aŭ civilizo. Esperanto esprimas sopiron de la homaro al unueco, kaj tiu inspiro klarigas la sekreton de ĝia viviĝo. Eĉ laŭ pure lingva vidpunkto la fenomeno vekas intereson.
Zamenhof mem rakontis ke li kaj liaj gimnaziaj amikoj kantis en la nova lingvo pri la falo de la malamikaj baroj inter la nacioj en 1878, kiam ili lernis la internacian vortaron, kiun li kunmetis jam kiel knabo. Sed lia realista patro konfiskis la kajerojn sur kiuj la junulo skribis vortaron, gramatikon aŭ poemojn, kaj ordonis al sia filo forlasi la revojn, por prepari la karieron. Li do finis la gimnazion, studis medicinon en Moskvo kaj fariĝis kuracisto. Poste li ankoraŭ studis en Vieno kaj specialiĝis en Varsovio kiel okulkuracisto. Tamen lia revo neniam forlasis lin, kaj al sia vivcelo li restis obstine fidela.
En la jaro 1887 li edziĝis kaj lia bopatro Silbernik helpis finance la eldonon de la unua lernolibro kaj internacia vortaro de d-ro „Esperanto".
Tre malrapide venis aliĝoj, ĝis kiam Leo Tolstoj la fama rusa verkisto legis la libreton kaj en la revuo de la eldonejo „Posrednik" en 1894 publike rekomendis al ĉiuj kristanoj lerni la lingvon, ĉar la ofero estas tiel malgranda, kaj la eblaj rezultatoj tiel egaj por la homaro ke neniu devus rifuzi la provon. Do, en la lastaj jaroj de la jarcento famaj francaj scienculoj interesiĝis, kaj en la akademio de Moralaj kaj Politikaj Sciencoj George Picot prezentis raporton de la ĝeneva filozofo Ernst Naville, kiu rekomendis la enkondukon de Esperanto en la lernejojn de la tuta mondo. Nova grava epoko ekkomencis.
Gazetoj en la lingvo Esperanto ekaperis en diversaj landoj, kursoj okazis, societoj fondiĝis, kaj en 1905 okazis en Boulogne-sur-Mer la unua Universala Kongreso de Esperanto, kie partoprenis d-ro Zamenhof mem kun generalo Sébert de la Franca Akademio de Sciencoj; la psikologo Boirac rektoro de la Universitato en Dijon, kaj 800 pioniroj el 30 landoj.
Ĝi estis la unua vasta internacia renkontiĝo en kiu nur Esperanto estis uzata. Estis ankaŭ la unua okazo por multaj kongresanoj aŭdi kaj paroli la lingvon. Oni demandis sin ĉu la eksperimento sukcesos, kaj la jurnalistoj miris pri la plena interkompreno kaj facilego en la diskutoj. Se oni komparas la nunajn kongresojn kun la unua, oni rimarkas kompreneble pli grandan unuecon en la elparolado, pli rapidan fluecon kaj pli oftan elokventecon, sed tiam la lingvo sonis jam viva. La plej mirigita estis d-ro Zamenhof mem, kiun la franca registaro faris tiam kavaliro de la honora legio. El la buŝo de la kongresanoj sonis la nova lingvo, kiu kreskis el la bazo, kiun li provis kun siaj kungimnazianoj dum sia juneco.
Zamenhof eĉ pli impresis la ĝenerala frateco inter la diversnaciaj delegitoj kaj ilia liberiĝo el ĉiuj kompleksoj de malsupereco ol supereco de la gepatra lingvo. Tion li esprimis en memorinda parolado en kiu li ĝojis pri tiu egaleco. Sia flanke la kongresanoj estis impresitaj de lia videbla modesteco, eĉ ioma timemo antaŭ la publiko. Li tenis sin ĉiam tre humile kaj lasis la ĉefan lokon al aliaj personoj.
La dua Universala Kongreso de Esperanto okazis en 1906 en Ĝenevo, kaj tie d-ro Zamenhof esprimis sian doloron pri la pogromo kiu ĵus sangumis la stratojn de lia naskiĝurbo Bjalistoko.
La tria okazis en Cambridge en 1907, kaj poste la urbestro de Londono, Sir Vezej Strong, ceremonie akceptis d-ron Zamenhof en la Guildhall ĉe granda publika kunveno, kie Zamenhof respondis per rimarkinda parolado pri la diferenco inter patruj-amo kaj ŝovinismo.
Ĉiujare okazis tiaj kongresoj, kaj Zamenhof ĉiam klarigis per memorinda malfermparolado siajn ideojn pri toleremo kaj homaj rajtoj.
Post 1912 li ĉesigis tiun kutimon kaj decidis forlasi ĉian honoran lokon en la kongresoj, por repreni sian plenan privatan liberecon. Lin priokupis etikaj problemoj de la homaro, kaj li deziris lasi la pure lingvan flankon en la manoj de fonditaj organizajoj, interalie de la akademioj de verkistoj kaj lingvistoj, kiuj kontrolis la normalan evoluon de la lingvo kaj oficialigis la novajn vortojn enkondukitajn per la internacia vivo kaj uzado.
Al la mondkongreso pri rasoj en Londono en 1911 li prezentis raporton subtenantan la scienculojn, kiuj opiniis la tradiciajn kaj morajn diferencojn pli realaj ol la fizikaj. Laŭ Zamenhof ĉefe apartigas la popolojn

iliaj lingvoj kaj relegiaj kutimoj. Pro tio Zamenhof proponis instruadon de neŭtrala lingvo, kaj akcepton de neŭtrala tuthomara etiko. Ĉiu homo estu fidela al sia gepatra lingvo kaj komuna etiko laŭ la konsilo: **„Ne faru al la ceteraj tion, kion vi ne ŝatus ke oni faru al vi".**
La ununa mondmilito estis kruela bato al tiu granda amiko de la homaro. Rusaj, kaj poste germanaj armeoj okupis Varsovion dum Zamenhof jam suferis je grava kormalsano. D-ro Zamenhof mortis la 14-an de aprilo 1917. Lia genia kreajo, la Internacia Lingvo Esperanto, perdis dufoje pro la teruregaj mondmilitoj grandan parton de siaj adeptoj kaj bibliotekoj, sed dufoje ĝi reviviĝis kaj revastiĝis.
Nun ĝin uzas ne nur Esperanto-kongresoj, sed aliaj mondkonferencoj teknikaj aŭ specialistaj, ekzemple kunvenoj edukistaj, laboristaj, katolikaj, protestantaj, turistaj ktp. Ĉie kien ĝi penetras, ĝi enkondukas ankaŭ iom de la homara spirito, kiu inspiris ĝian iniciatoron Zamenhof. Laŭ pure lingva vidpunkto Esperanto evoluas kaj kreskas laŭ la natura maniero, kiu Zamenhof antaŭvidis. La presita verkaro de d-ro Zamenhof entenas ne nur liajn poemojn, paroladojn kaj artikolojn, sed ankaŭ tradukojn de Gogol, Shakespeare, Dickens, Goethe, Schiller, Molière, Andersen, Heine kaj de la tuta malnova Testamento, kiun eldonis en Esperanto la Angla Biblia Societo, kune kun la nova.
Zamenhof estis talenta verkisto kun forta sento pri muzika ritmo de la stilo.

Vivu la internacia lingvo Esperanto, vivu la spirito Zamenhofa!
Vivu, kresku kaj prosperu la esperantistaj societoj, la interkompreniĝo kaj interfratiĝo kaj venu paco tutmonda!

Johan Geroldinger

## EL LA SEKCIOJ

**Hungario**

Je la 8-a de julio estis la ĉi-jara fervojista tago, la tutlanda festo de la hungaraj fervojistaj laboruloj. Tiun tagon ne nur ni, fervojistoj festas, sed ankaŭ la tuta hungara popolo, la tuta lando. Ĝi estas samtempe la festo de la bone farita, bone plenumita laboro. Ĉie oni scias ĉe ni, ke la laboro de la 160 mil fervojistoj havas gravan rolon en la ekonomia vivo kaj socialisma konstruado de nia patrujo. La hungara fervojistaro tre bone laboris de post la pasintjara fervojista tago, ĉar la ĝis nun farita laboro superas la planitan sur ĉiu tereno. Pro tio nia registaro kaj la ministerio por trafiko kaj poŝto distingis pro la bona fervoja laboro ankaŭ nun multajn gefervojistojn okaze de la 12-a Fervojista Tago. La plej bonaj ricevis **registaran dekoracion,** aŭ la insignon de **Eminenta Fervojisto.** Por ili la transdona solenaĵo okazis en la Parlamentejo. La ceteraj fervojistoj diligentaj ricevis la insignon de **Meritplena Fervojisto** dum tre belaj solenaĵoj aranĝitaj ĉe fervojaj direkcioj kaj gravaj laborlokoj.
Inter la nunjaraj distingitaj fervojistoj troviĝas ankaŭ naŭ esperantistoj, kiuj krom la bone farita faka laboro multe kontribuis al la sukcesa aranĝo de la 14-a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso. Ili estas: **D-ro Stefano Bácskai,** prezidanto de la LKK „Meritplena kaj Eminenta" fervojisto. Nun li ricevis registaran dekoracion. **Ludoviko Kapitány,** vic-prezidanto, kaj **D-ro Emeriko Pethes,** sekretario de la LKK estas distingitaj per la insigno de „Eminenta Fervojisto". La insignon de „Meritplena Fervojisto" ricevis la redaktoro de la Hungara Fervojista Mondo, **Ŝimone Csóra,** plena Fervojisto" ricevis la redaktoro de la Hungara Fervojista Mondo, **Ŝimono Csóra,** vic-sekretario de la LKK kaj verkinto de la Kongresa Libro; **D-ro Andreo Tarnay,** organizanto de la kunsidoj; **Bela Anka,** organizanto de la amuzaj aranĝoj; **Paŭlo Garamszegi,** gvidanto de la loĝiga servo; **Szilárd Bálint,** kasisto; ĉiuj anoj de la LKK — kaj krome Ludoviko Korsós, senlaca pioniro kaj iniciatinto de la organizita hungara Fervojista Esperanto-Movado. Koran gratulon al ĉiuj. (Ankaŭ flanke de la IFEF-estraro. Red LIF)

**Alvoko al la gajnintaj kongresanoj**

La LKK de la 14-a IFEF-kongreso konstatis ke la dumkongresa loterio ne funkciis kontentige. La lotumado estis prokrastita ĝis la fermo de la kongreso, kiam ĉiuj kongresanoj estis refoje kune en la sama loko kaj speciale pro tio, ke ĉiuj havu tempon aĉeti lotbiletojn. LKK bedaŭras ke ĝi ne povis solvi la aferon pli bone, ĉar estis malfacila tasko trovi por la lotumado pli konvenan tempon kaj lokon. **Post la kongreso restis multaj lotaĵoj, kiujn ne transprenis la gajnintoj.**
Inter tiuj premioj troviĝas Esperanto-gramafondiskoj, glasoj de brando, glasoj de vino, monujo, florvazo, libroj, bildlibroj pri Budapeŝto, manlaboraĵoj, abonoj por la revuo „Hungara Vivo" ktp.
Pluraj kongresanoj prezentis persone, aliaj perletere siajn lotbiletojn. Tamen estas ankoraŭ multaj gajnintoj, kies lotaĵojn ni gardas, kun la jenaj gajnintaj numeroj: 13, 41, 47, 68, 95, 105, 110, 116, 119, 167, 169, 183, 191, 202, 267, 283, 284, 332, 338, 394, 399, 402, 404, 433, 483, 485, 524, 530, 531, 533, 570, 574, 601, 640, 662, 675, 700, 712, 746, 748, 753, 831, 833, 854, 908, 921, 923, 943, 967, 1084, 1144, 1181.
LKK gardos la lotaĵojn ĝis la fino de la jaro. Kiu sendas al nia Redakcio la gajnintan lotbileton, tiu ricevos per poŝto la gajnitan lot-

ajon. Adreso: Redakcio de Hungara Fervojista Mondo, Budapest, VI. Népköztársaság utja 73-75, Hungarujo.

Ĉar eblas ke ne ĉiu membro rivevas la „Internacia Fervojisto" ĝustatempe, ni petis la redaktoron de H.F.M. ke li gardu la lotajojn ankaŭ dum januaro 1963. (red. L.I.F.)

**Nederlando**

Bonvolu noti la jenajn ŝanĝojn pri la estraro:
Sekretario kaj redoktoro: W.L. van Leeuwen, Stationsplein 1, Amsterdam.
Kasisto: C. van 't Hoog, 2de Spoorwagon, Cartesiusweg, Utrecht.



## LA LEGANTOJ PAROLAS

**Kiu sentas jukon, tiu sin gratu!**

Pri la enhavo de tiu artikolo mi emas aldoni ion.

Unue oni ja konfesu, ke la enhavo estas prava, eble ne ĉio; ĉar ordinare la laborkunsidoj estas vizitataj de tro malmultaj krom tio, ke la intereso ja mankas, kaj ke la tempo ne sufiĉas, eĉ ofte oni urĝas por partopreni aliajn aranĝojn.

Due estas necese trovi la kaŭzon pro kio forestas la anoj dum la kunsidoj. Mi supozas ke pluraj forestas pro manko de intereso, kaj ĉar ili pensas: „La laboron faras la delegitoj". Eble ili ankaŭ pensas: „Ni nenion scias pri la temoj, kiujn oni pritraktos". Kial ili pensas tiel? Ŝajne pro tio, ke la landaj sekcioj ne sufiĉe interesigas ilin. Jen mi pensas pri la fakto, ke laŭ la reguloj ekzemple landa sekcio kun malpli ol 100 anoj rajtas sendi nur unu delegiton, kiu fakte estu devigata partopreni ĉiujn fakajn kunvenojn, ĉu delegitan, terminaran, redaktoran aŭ aliajn laborkunsidojn, kaj nur tiu delegito havas decidrajton en ĉiuj kunsidoj.

Kiam ni konstatas, ke el landa sekcio, kiu havas malpli ol 100 anojn, vojaĝas ekzemple 15 al la kongreso, sed nur unu havas decidrajton, ŝajnas al mi, ke oni konsideras la 14 ceterajn esti nur turistoj. Ĉu bona sistemo? Certe ne!

Mi ŝatus tial proponi ke ĉiu landa sekcio povus elekti unu delegiton por ĉiu faka kunsido, kaj ĉiu delegito rajtus havi unu helpdelegiton (sen voĉdonrajto), kaj ĉiuj estu devigataj partopreni la kunsidojn.

Ĉiu delegito kaj la du helpantoj estu preparintaj sin pri la temo, kiun ili pritraktu en la kongreso. Tiamaniere estus eble venigi plurajn al la kunvenoj, kaj samtempe interesigi ilin pri la kongresa laboro, pro kio oni povus pli facile trovi anstataŭantojn al la estraraj postenoj ĉefaj aŭ sekciaj. Do necesas doni al la anoj solvendajn taskojn, tiel ke ili havas eblecon por apliki la lingvon praktike, kaj ke ili ekhavu la scion, ke en nia movado estas celo kaj taskoj solvendaj kiujn ili rajtas partopreni. Ĉar tiel esti esperantisto ne donas la rajton nur plezure apliki la lingvon, sed estas devo al ĉiu fari ian laboron por la progresado de la lingvo. Strange estas laŭ mia ŝajno, ke ekzemple el mil kongresanoj partoprenas nur 40—50 la kongresan laboron kaj el tiuj 40 nur triono havas voĉdonrajton. Ĉu bone kaj prudente?

Sed nun estiĝas io grava: se la menciita propono praktikiĝus, la kritiko de Sekereŝ koncerne la ĉefestraron, kiu interrompas la diskutadon pri diversaj punktoj de la tagordo, fariĝus pli aktuala kiam pli da kongresanoj partoprenus la diskutadon. Oni ja supozu, ke estiĝus pli da kaŭzo por interrompi, ekzemple pro manko de tempo aŭ malŝato de la temo. Por eviti tion, necesas pli da tempo ol estis ĝis nun dum la kongresoj.

Tamen mi havas la supozon kaj impreson, ke la ĉefestraro ne emas interrompi la diskutadon, se tiu estas sufiĉe objektiva. Estas ja pli facile fari kritikon ol eviti ĝin per bonaj proponoj. La tiu vidpunkto mi esperas vidi kritikon pri mia — ĉu ni nomu ĝin kritiko de kritiko aŭ nur — propono por interesigi la kongresanojn pri la celoj de IFEF.

Jico

Tiel senrajtaj, kiel supozas Jico, la kongresanoj ne estas. En Art. 14 de la IFEF-regularo oni povas legi ke ĉiu kongresano havas parolrajton. Voĉdonrajton havas nur la delegitoj de la landaj sekcioj, kio logike sekvas el la federacia formo de IFEF.

La nombro da tiuj delegitoj, kiun rajtas sendi ĉiu sekcio estas nelimigita. En la 10-a kongreso en Aarhus ni detale parolis pri tiu punkto, kiam kol. Sekereŝ akcentis la sendadon de po unu delegito por la diversaj fakaj kunvenoj. (Vidu „Bulteno" de aŭgusto 1958 jaro 10-a, n-ro 6). Kion deziras Jico do fakte jam ekzistas, sed estas afero por la landaj sekcioj, plene utiligi la eblecojn kiujn havigas ĝia racia aplikado. (Red. L.I.F.)

# LA FERVOJA INSTITUTO EN KAPOSVAR

La 14-a IFEF-kongreso en Hungario estis por mi ne nur unu el la ĉiujare revenantaj renkontiĝoj kun kolegoj-esperantistoj el diversaj landoj, sed ĝi donis al mi ankaŭ la okazon viziti amikinon, kun kiu mi jam dum multaj jaroj korespondas. Neniam ni ankoraŭ renkontis unu la alian, ĉar la distanco inter Nederlando kaj Hungario estas tre granda, kaj krome estas, laŭdire, tre malfacile ricevi vizon por eniri Hungarion.
Kiam do antaŭ tri jaroj mi eksciis ke en 1962 la kongreso okazos en Budapeŝto, mi decidis nepre viziti ankaŭ Kaposvár, la loĝlokon de mia korespondantino. Laŭ la kongresa programo la lasta sabato estis libera tago, do tiun mi decidis utiligi por mia celo. Tre frue mi forlasis la hotelon kaj iris per taksio al stacidomo Deli pu, kiu situas je la Buda flanko de Danubo. Agrabla mi sentis min en la 1-a klasa kupeo, havanta en mia poŝo la legitimilon, kiu rajtigis al mi vojaĝi senpage tra la tuta lando. Post kvarhora vojaĝo mi alvenis en Kaposvár, kie atendis min mia korespondantino kun sia edzo.
Kaposvár estas nur malgranda urbo, sed ĝi havas kelkajn gravajn konstruaĵojn, kiel ekz. la altlernejon, la distriktan hospitalon kaj la fervojan edukinstituton. La lastan mi vizitis laŭ rekomendo de s-ro Backai kaj ĉar mi legis en „Hungara Fervojista Mondo" ke en tiu instituto oni instruis Esperanton. La sekvintan tagon mi do iris kun miaj gegastigantoj al la instituto. Akceptis kaj gvidadis min tra la konstruaĵo la juna, esperantonparolanta profesorino Gabrielle Marosy. De ŝi mi aŭdis la rezultaton de la esperanto-kurso, kaj la direktoro s-ro László Pallós estis tiom bonvola informi min pri la signifo de la instituto.
La instituto ekzistas de la jaro 1897, kaj kreis ĝin la kunlaborado kaj oferemo de la fervojistaj gepatroj. Komence ĝi estis porknaba edukinstituto, kaj kiel tia ĝi estis la ununura. Knabinoj estas ĉi tie nur de 1953 — ĝis tiam ili estis en la urbo Köszeg — kaj la du institutoj interŝanĝis. La knabinoj havas Kaposvár por la ok elementaj klasoj. Ili estas 6 ĝis 14 jaraĝaj. Posttagmeze la infanoj troviĝas en la sama ĉambrego, en kiu ili studis antaŭtagmeze.
La studĉambroj estas belaj kaj bonguste ornamitaj per popolartbrodaĵoj, faritaj de la infanoj mem. En ĉiuj ĉambroj estas ankaŭ belaj floroj troveblaj. Ĉiu knabino estas infano de fervojistaj gepatroj. Troviĝas inter ili ankaŭ orfinoj de fervojistoj, sed nur malmultaj. Precipe tiuj gepatroj petas la akcepton de iliaj infanoj, kie la lernejo estas tre malproksime de la gepatra domo, aŭ kiam ambaŭ laboras, aŭ ĉu la patro aŭ la patrino staras sola. Pri la akcepto de la infanoj decidas komitato.

La ferio de la geprofesoroj estas ĝenerale la sama, kiel tiu de la geinstruistoj en la aliaj lernejoj: 30 tagoj po-jare. Por la infanoj la somera ferio daŭras de mezo junio ĝis komenco de septembro. Krome ili havas vintran ferion — ĉirkaŭ Kristnasko — kaj ankaŭ printempan ferion, ĉiam 8—9 tagojn. Dimanĉe la geinstruistoj estas ĝenerale liberaj, nur ĉiun kvinan dimanĉon ili havas inspektadan deĵoron, dum la tuta tago de la 7-a matene ĝis la 21-a vespere, kaj tiu tago estas ĉiam aparte pagita. La efektiva tempo, kiu ĉiu instruisto pasigas inter la infanoj estas 36 horoj posemajne.

Ĝenerale per 8-klasa elementa instruado la infanoj akiras la bazon de la konoj. Precizan mastrumadon ili ne lernas; ili ricevas la t.n. politeknikan instruadon, kaj tio estas laŭ la klasoj diversa. Inter tiuj troviĝas diversaj manlaboraĵoj, sed ili helpas ankaŭ en la mastrumado. Po klasoj ili servas en la manĝoĉambro, kio signifas ke ili helpas alporti kaj ordigi la tablojn. Ili surhavas dum la servado egalajn, beletajn blankajn antaŭtukojn. Ankaŭ la dorm- kaj studĉambrojn ili mem prizorgas. Ĉiuj plankoj estas el pargeto, kaj ties purigadon kaj briligadon ili faras mem. Nur ĉe la kvar malsupraj klasoj faras tion profesiaj servistinoj. La ordon en la dormĉambroj kaj la ŝrankoj kontrolas ĉiutage la t.n. „taga deĵorantaro" konsistanta el du instruistoj kaj du edukatoj. Ofte kunhelpas la infanoj ankaŭ ĉe la purigado de la ĝardeno. Ankaŭ la tenisejon ili prizorgas kaj la ok-klasulinoj eĉ helpas en la kuirejo.

Pri la esperanto-instruado mi eksciis la jenon: okazis du komencantaj kursoj. La unuan partoprenis dek, la duan dekdu knabinoj el la 5-a kaj 6-a klasoj, 11—12-jaraĝaj. La progresantan kurson partoprenis dek knabinoj el la 7-a kaj 8-a klasoj, 13—14-jaraĝaj. La profesorinoj estis: por la unua komencanta grupo Rózsa Bánság; instruistino por la dua komencanta grupo Marta Hager prof-ino de la geografia fako; por la progresanta grupo Gabriella Marosy prof-ino de la hungara lingvo kaj kantfakoj.

La rezultaton de la kursoj oni povis mezuri post la jarfinaj ekzamenoj. La infanoj ekkonis la gramatikajn fundamentojn, povis legi kaj traduki la ne tro malfacilajn tekstojn, lernis multajn esperantokantojn kaj korespondis vigle kun infanoj el orientaj kaj okcidentaj landoj.
Entute do kontentiga rezultato.

H. Hoen

## LA INTERNACIA LABORO DE LA GERMANA FEDERACIA FERVOJO

Post kiam Prof. D-ro Oeftering en majo 1957 estis transpreninta la oficon de la unua prezidanto de la Germana Federacia Fervojo komune kun aliaj estraranoj, jam en decembro 1957 li havis la ŝancon iĝi prezidanto de la Unuiĝo Internacia de Fervojoj (UIC). La gvidadon de tiu granda kaj por la trafikpolitiko de la fervojoj grava unuiĝo li transprenis en la jaroj 1959-60. La unuvoĉa elekto kiel prezidanto de UIC estis speciala laŭdo pri la kunlaborado de la Germana Federacia Fervojo sur ĉiuj terenoj de la internacia trafiko, speciale en la asocio de UIC kaj la kunligitaj organizoj. La prezidanteco de la Germana Federacia Fervojo estas des pli rimarkinda, ĉar dum 37 jaroj seninterrompe tiu grava posteno apartenis al la Francaj Ŝtatfervojoj (SNCF). Post kiam la statutoj de UIC en kompreno kune kun SNCF estis ŝanĝigitaj, ebliĝis okupado de nefranca prezidanto. La unua prezidanto de la Germana Federacia Fervojo, Prof. D-ro Oeftering, iĝis posteulo de ĝisnuna prezidanto de UIC, S-ro Armand. Samtempe Prof. D-ro Oeftering ankaŭ ricevis la prezidantecon de la 6 ĝeneraldirektoroj, en kies grupo ĉiuj trafikpolitikaj demandoj pri la Eŭropa Ekonomia Komunumo (EWG) estas traktataj. Ĉi tiun oficon Prof. D-ro Oeftering havas ĝis hodiaŭ. En la lasta tempo jus tiu posteno gajnis apartan signifon. La laboroj en la EWG kaj por la Eŭropa Trafikministra Konferenco (CEMT) en julio 1961 postulis multnombrajn gravajn esplorojn de la 6a komitato de UIC. Ĉi tiu komitato estas kompetenta por la esploroj pri la komercaj, ĝeneralaj kaj personaraj problemoj de la diversaj fervojoj. La komitato fondiĝis en la jaro 1953 sub la gvidado de la Germana Federacia Fervojo. La unua prezidanto estis prof. d-ro Haustein. Post lia morto d-ro Hennig transprenis tiun oficon. Li ankaŭ pretigis la raporton de la speciala komitato de UIC pri la komercaj problemoj de la eŭropaj fervojoj.
Sekve de la invito de la Germana Federacia Fervojo la Internacia Fervoja Kongresunuiĝo (AICCF) okazigos la unuan fojon sian kongreson 1962 en Germanio. Tiu unuiĝo ekzistas ek-de 1885. Aliĝis pli ol 100 fervojaj administracioj kun 600.000 funkcikilometroj. Dum la kongreso en München estis distkutataj gravaj problemoj de la fervojoj. En specialaj prelegoj estis traktataj ĝeneralaj demandoj pritrafikaj.

(Tradukis el **Die Bundesbahn**)
E. Kruse

---

## KOMBINMEKANISMO SUR LA TRAKO

(Atikolo de Zdenek Provaznik, presita en Rudé právo, n-ro 244/1962, trad. -eto)
Ĝi estas efektiva reĝo inter la maŝinaro. Ĉiu el ĝiaj du partoj estas longa kelkdekojn da metroj kaj la koloso, similanta al startiloj de rakedoj, produktas forton, anstataŭantan centojn da homoj.
La laborgrupoj el la stacioj de Louny kaj libochovice laboras je la superstrukturo jam vicon da jaroj, sed tion ĉi ili ne vidis ankoraŭ. La mekanismo facile forigas relparojn kune kun la ŝpaloj, ĝi memstare ebenigas la balastbazon kaj tuj ĝi sternas novajn ŝtalstriojn. La laboruloj sensacioplene rapidpaŝas laŭlonge kaj ĉirkaŭ de la nova maŝinego. Kiom da laboro ili havis tiuĉiokaze dum similaj trakobstrukcioj!
Kiel aspektis la laboro ĝis nun? Unue oni forigas ŝpalŝraŭbojn el la ŝpaloj. Poste eksonas ordonoj kaj komenciĝas revuo: Dekoj da viroj kun portpreniloj en la manoj levas la relon kaj forportas ĝin, por ke ĝi ne baru la pluan laboron. Oni devas ja ŝanĝi la ŝpalojn, purigi kaj ebenigi la balaston. Oni lokigas poste novajn ŝpalojn kaj boras truojn en ilin por la ŝpalŝraŭboj. Sed per tio la afero ne estas finita. Restas ankoraŭ la levado de la trako kaj poste aŭdiĝas la ritma frapado de ramiloj.
Tagoj de sunbrilo kaj de pluvo alterniĝas, tamen la movado sur la fervojlinio ne haltiĝas eĉ nur por momento. La laboristoj ĉe la superstrukturo scias bone, ke homoj en bluaj uniformoj de multaj lokoj atente sekvas ilian laboron. Sur la landkartoj de trafikdirigistoj estas indikita la liniparto, kie ili laboras, ŝajne per tre simpla vorto — trakobstrukcio. Ĝi estas termino pleje malŝatata de la fervojistaro, ĉar — trakobstrukcio signifas veturigi karboŝarĝojn kaj aliajn varojn je substituaj direktoj, ja je najbarlinioj, kio plilongigas la vojon. „Kiom longe daŭros ankoraŭ la obstrukcio?" sonoras la telefono el fabrikoj. „Ni malfruigos la fabrikadon!"
La ritmo de ramiloj rapidiĝas, la dorsoj de la laboristoj poluriĝas pro ŝvito. Fortostreĉa laboro!
Kaj nun tiun ĉi penegan laboron plenumos

aro da sovetaj mekanismoj por ĝenerala riparado de trakoj. Komence de septembro oni prove ekspluatis tiun ĉi taŭgegan helpanton — dum ĉeesto de ĝia konstruinto k-do V. I. Platov — sur la liniparto inter Louny kaj Libochovice. Ĝi konsistas el altgrade laborkapabla balastpuriga maŝino, kiu levas la trakon entute per fortegaj elektromagnetoj, kaj el speciala argano. Se necese oni povas uzi ankaŭ zontraktorojn speciale pretigitajn por veturo surtrake kun plua balastpuriga maŝino kaj el aliaj ekipaĵoj.
Sur la malnova trako veturas aro da specialvagonoj. Frunte argansimila kontruaĵo levas kvazaŭ ludfacile la relparojn kune kun la ŝpaloj kaj aŭtomate ĝi ŝovas ilin sur plataĵvagonojn. Tie ĝi ordigas ilin tavole unu sur la alian. Poste eklaboras balastprema maŝino, kiu densigas la gruzobalaston por pretigi ĝin al sternado de relparoj kun betonŝpaloj. La menciita maŝinaro, kiu laŭlabore similas kombinmekanismon, havas propran energiofonton, la priservon plenumas 18 laboruloj. Oni kalkulas, ke dum netutaj 4 horoj ĝi pretigas ĝeneralriparon de la fervoja surstrukturo en dukilometra distanco.
Post laboresploroj la unua soveta peza mekanismaro ekfunkcios sur la ĉefa linio. Por tutigi la bildon — kelkajn numerojn. Dum plena ekspluateluzo ĝi anstataŭas laboron de 6—7 labortrajnoj, el kiu ĉiu havus meznombron da 60 personoj. Ĝis la jaro 1964 ni posedos jam 6 tiuspecajn mekanismojn, kio reprezentos 600 km da trakoj tiamaniere riparitajn.
La sovetaj kamaradoj liveris al ni efikelaboran helpanton en laborfako, kiu estas tiel grava por la evoluo de nia socialista vivo.

---

## NOVEKZAMENO DE LA TRAFIKA POLITIKO

Vasta konata inter la eŭropaj fervojistoj estas s-ro Armand, la generalsekretario de la Unuiĝo Internacia de la Fervojoj (UIC), estinta generaldirektoro de la Francaj Fervojoj (SNCF). En printempo 1962 li faris prelegon antaŭ reprezentantoj de la Germana Federacia Fervojo.
I.a. s-ro Armand akcentis, ke estas iluzio, se oni opinias, ke en Eŭropo oni povas organizi la trafikon sur nacia bazo. Ne ekzistas alia solvo ol kumuna eŭropa trafikpolitiko. Sed la problemoj rezultantaj el tio ankoraŭ ne povas esti solvataj, ĉar neniu lando eluzas ĝis nun siajn trafikilojn vere inteligente kaj ekonomie. Necesas do pripensi denove la tutan trafikproblemon kaj agi komune pli inteligente ol la unuopaj landoj.
La manko de „trafikfilozofio" konstatita unue en Eŭropo estas ekkonita ankaŭ en Usono. Same prezidanto Kennedy postulis novan direktigon de la trafikpolitiko.
La fervojoj jam faris certajn progresojn en tiu projekto. Ekz. per la Eŭrop-stoko de la varvagonoj, kiuj prezentas entute nur 15 % de la varvagona stoko, estas transportataj 60 % de la varoj interne de Eŭropo. En Eŭropo estas disponebla nuntempe pli multe da transportkapacito ol bezonita.
Alia trafikproblemo estas la enkonduko de aŭtomata kuplo ĉe varvagonoj. Tia ekzistas en Usono kaj Sovetunio jam de jaroj. La granda fervoja reto de Eŭropo ne povas funkcii sen tiu sistemo. Avantaĝaj estas la rapidigo de la manovra servo, la plibonigata sekureco kaj la pligrandigata longeco de tiaj trajnoj. En Eŭropo estas transportataj per unu vagonaro meze 800 tunoj, en Usono kaj Sovetunio kontraŭe 2500 tunoj. La ŝanĝota kuplosistemo ne povos esti samtempe enkondukata, ĉar la landoj ne havas la samajn financajn rimedojn.
Ankaŭ Anglio estas ligenda pli forte al la kontinento. Tiucele la tunelprojekto estas realiginda. La projekta de ponto kontraŭe starigos ne nur jurajn malfacilaĵojn, ĝi postulos ankaŭ la duoblan sumon. La tunelo povos esti konstruata dum kvin jaroj. La kostoj estos proksimume 1,25 miliardon da germanaj markoj. Tiom da kapitalo estas havigebla en diversaj landoj, kies ekonomio supozeble profitos, per normala maniero t.e. helpe de privataj bankoj. La registaroj de Francio kaj Anglio finance ne povos helpi.

(Resume traduk. el „Handelsblatt"
de W. Barnickel)

---

## KIOM DA LINGVOJ EKZISTAS?

Multaj esploroj neniam alportos fidindan statistikon pri ĉiuj vivantaj lingvoj. Oni pro tio estas ligita al taksoj. Krome la diferenco inter dialekto kaj vera lingvo estas ofte malfacile difinebla.
En Eŭropo estas parolataj proksimume 120 diferencaj lingvoj, el kiuj proksimume 70 de nur proksimume 100.000 homoj, kaj 37 de pli ol unu miliono da homoj. (Kiu volas lerni 37 lingvojn?)
Ekzistas diversaj sistemoj por endividi la lingvogrupojn. La unua sistemo entenas 34

grupojn, la dua nur 11 grupojn. Supozebla estas, ke proksimue 800 ĉeflingvoj ekzistas en la tuta mondo. Krome tamen ekzistas ankoraŭ kelkaj miloj da aliaj lingvoj, ekskluzive la dialektoj. Tiu nombro povas esti inter 2000 kaj 5000.
La plejmulte parolata lingvo estas la ĉina (proks. 600 milionoj da homoj), post tio la hinda lingvo (proks. 300 milionoj). El la eŭropaj lingvoj la angla estas la plej disvastigita (proks. 225 milionoj).
Nun ni volas rigardi al la hinda-eŭropa lingofamilio.
Multaj por ni konataj lingvoj devenas el praunueca lingvo, la tielnomata hinda-eŭropa fundamenta lingvo. Oni supozas ke ĝi ekzistis en la norda kaj en la meza parto de Eŭropo, el kiuj partoj la popolmigradoj disvastigis ĝin antaŭ proks. 5000 jaroj en ĉiuj direktoj ĝis en la izolitaj teritorioj de sudokcidenta kaj meza Azio. Oni povas endividi ĝin en diversaj lingvogrupoj: La aria lingvogrupo, al kiu apartenas la hinda kaj la irana lingvoj; la armena lingvo; la albana; la greka; la romanaj lingvoj, t.e. latina, itala, franca, hispana, portugala ktp; la ĝermanaj lingvoj: norvega, sveda, islanda, dana, germana, nederlanda kaj angla; la baltaslavia grupo (la baltaj kaj slavaj lingvoj), la tochara (Orienta Turkestano); la hetita (Orienta parto de sud-okcidenta Azio). Do entute 10 grupoj de lingvoj.
Kiuj lingvoj estas nuntage la plej gravaj komercaj lingvoj? Ni vidu kion la statistiko diras pri tio:
La ĉina lingvo kaj la multnombraj dialektoj estas uzataj de 600 ĝis 650 milionoj da homoj. La hindostan kaj proks. 30 diferencaj lingvoj estas parolataj de 260 ĝis 300 milionoj. La angla lingvo de 170 ĝis 250 milionoj. La rusa lingvo (meza rusa, orienta kaj okcidenta rusa kaj ukraina) de proks. 200 milionoj da homoj. La germana lingvo de proks. 100 milionoj. La japana lingvo de proks. 80 milionoj, la franca kaj itala lingvoj de 50 ĝis 70 milionoj; proks. 80 milionoj uzas la hispanan lingvon, proks. 50 milionoj uzas la portugalan lingvon, la sama nombro sudana kaj malaja, proks. 30 milionoj uzas la polan lingvon, la sama nombro la turkan lingvon. Ĉu oni povas vere konkludi ke la angla lingvo estas efektive la internacia komerclingvo, kiel la finfrazo tiel seke diras post tiu ĉi statistiko? Esperanto ĝis nun ne sukcesis forpuŝi tiun lingvon de tiu loko, sed tamen ni progresas.

(Tradukis el: „Wie, wat, waar"-jarlibro, Johano P.)

---

## PRI EKSTEREŬROPAJ FERVOJOJ

**Aŭstralio**

La registaro de la ŝtato Viktoria faras multajn klopodojn por forigi la samnivelajn kruĉvojojn. Precipe en kaj proksime de grandurboj ekz. en Clifton Hill kaj Melbourne estis konstruataj stratoj super resp. sub la fervojaj linioj. Projektita estas la konstruo de linio inter Melbourne kaj Albury.

**Egiptio**

La egiptaj fervojoj en 1960 starigis kvinjaran programon por renovigi la relaron, modernigi la akcelveturilojn kaj pligrandigi la manovrajn kaj riparejajn instalaĵojn. Importataj estas dizel-lokomotivoj, kaj altiĝas la produkto de ŝarĝvagonoj. Fabriko, kiu ebligos la konstruadon de pasaĝervagonoj, estas projektita. La kostoj de tiuj programoj estos proksimume 410 milionoj da dolaroj.

**Japanio**

La unua fervoja linio de Japanio estas malfermita la 14.10.1872 kaj havis longecon de 29 km. Nuntempe la fervoja reto en Japanio ampleksas pli ol 14.000 km. La fervojo partoprenas la ĝeneralan trafikon per jenaj kvotoj (1958): pasaĝertrafiko 50,6 %, frajtotrafiko 45,8 %. La karbono (kun 26 %) estas la ĉefe transportata varo en la frajtotrafiko.

**Hindio**

La reto de la hindaj fervojoj ampleksas 55.000 km kun tri diversaj ŝpuroj. La instalaĵoj estas fabrikataj pli kaj pli en la propra lando. I.a. estis konstruataj en la fabriko Ĉitaranian jam 800 lokomotivoj. Kontraŭe al la pasaĝervagonoj en Eŭropo tiuj de la hindaj fervojoj nepre devas disponi pri ventilatoroj. Pro tio, ke sufiĉe da karbono ekzistas en la lando, la vaporlokomotivoj estas ankoraŭ preferataj.

**Meksikio**

60 jarojn daŭris la konstruado de montara fervojlinio. La 255 km longa linio havas 25 pontojn kaj 71 tunelojn. Ĝi interligas la centran nordon kun la grava regiono borde de la Pacifiko. La posedanto estas la Ŝtata Fervojo Ĉihuahua al Pacifiko.

**Sovetunio**

Por plifaciligi la trafikon inter Centra Azio kaj la Kaŭkasus-regiono post nelonge la Sovetunio funkciigos novan pramlinion tra la Kaspa Maro. La konstruotaj pramŝipoj havos jenajn mezurojn: longeco entute 134 m, larĝeco 18,3 m, rapideco 30 km/h, 4 dizelgeneratoroj por 1250 kilovatoj. La ŝipanaro konsistos el 59 maristoj. La ferdeko kaptas sur 4 reloj 30 kvaraksajn ŝarĝvagonojn por

po 50 tunoj aŭ 16 pasaĝervagonojn.

**Turkio**

Nuntempe estas konstruata fervoja komuniko inter Turkio kaj Iranio finigota supozeble en 1965. La nova linio interligas la turkan stacion Mus kun la irana stacio Ŝaref Knaneh. 103 resp. 257 km longa estas la longeco de la fervoja kaj 91 km la longeco de la pramlinio tra la lago. Pro la konstruo en la montaro la kostoj estos tre altaj.

**Usono**

En la stacio Indianapolis okazas la manovrado helpe de elektrona maŝino laŭ jena metodo. Sur televida aparato en la signalejo aperas la celindikoj de la alveninta vagono. La analogkalkulilo reguligas la sekvan kurson de la vagono al la relo direktita de la signalejo. Fotoĉelo mezuras la longecon. Mezurilo instalita en la relo registras la pezon. Rulkapablecoj estas indikataj per aliaj aparatoj. Radarilo instalita sur la trako inter la reloj destinas la rapidecon regulitan per relbremsoj. Krom la indikoj kaptitaj pir la rulanta vagono estas anoncata ankaŭ la vetero.
La nombro de la aŭtomatikaj manovraj stacioj estas en Usono 45. Dum la venontaj 10 jaroj ili kreskos pojare po 4—7.

W. B.

## HUNGARIO DENOVE VOKAS VIN

La Fervojista Esperanto-Fakgrupo de DUNO KESZI, Hungario, planas okazigi prezenton por invititaj reprezentantoj de Ĵurnaloj, Radio, Televido kaj aliaj koncernaj instancoj pri la progreso en la lingvoscio de komencantoj instruitaj de 1-10-1962.
La prezento okazos la 10-an de ferbuaro 1963. La grupestro petas sendi ilustritajn poŝtkartojn — laŭeble kolorigitajn kaj karakterizajn — el almenaŭ ĉiuj landoj kie IFEF havas membrojn. La geanoj de fakgrupo, 16 ĝis 40-jaruloj deziras kontaktiĝi kun ĉiulandaj geesperantistoj por daŭra korespondado. Ni esperas ke almenaŭ ĉiu grupa gvidanto kaj ĉiu unuopa partoprenanto al nia 14-a kongreso kaptu la okazon por sendi koran saluton al siaj hungaraj amikoj. Adreso: s-ro L. Kapitany, Vasutas Esperantó Szakcsoport Gyartelep Kulturotthon, DUNAKESZI, Hungario.

## DIVERSAĴOJ

**Poŝtkartvespero**

Esperanto-grupo Moyá, Str. Forn 21 en MOYÁ (Barcelona), Hispanio, organizas ĝin por progresigi la 30 junajn gelernantojn de la grupo. Geknaboj el la tuta mondo skribu antaŭ la 10-a de februaro 1963. Ni sepondos al ĉiuj.

**Korespondpeto**

Grupo de fervojistaj esperantistoj en Stolberg deziras korespondi kun la tuta mondo. Iuj kolektas poŝtmarkojn, aliaj skarabojn, papilojn ktp. kaj ankaŭ kelkaj deziras interŝanĝi alumet-etikedojn. Skribu al: Erich Holzmann, 519 STOLBERG-ATSCH, Sebastianusstr. 12, Germanujo.

**Letervespero**

La fervojista esperanto-klubo en Aarhus okazigos letervesperon je la 25-a de januaro 1963. Ni esperas per tiu ĉi anonco ricevi multajn leterojn de kolegoj diversnaciaj. Skribu al ni, ni atendas vian leteron kaj anticipe dankas. Jen la adreso: Charles V. Jensen, Skernvej 2, Aarhus C, Danlando.

**Esperantista skiferio**

La grupo Adelboden okazigas skiferion inter la 26-a de decembro kaj la 4-a de januaro 1963 por esperantistoj pli ol 16-jaraj.
Petu informojn ĉe Cosette Giroud, Jonquilles 8, La Chaux-de-Fonds, Svisio.

**Ferio-semajno sur Oberbalmberg**

Jam nun ni povas mencii ke la svisa sekcio de IFEF en 1963 denove organizos feriosemajnon por fervojistoj, nome en la unua semajno de septembro. La pasintjara estis granda sukceso: 41 gepartoprenantoj. Pliajn informojn volonte donos la gvidanto: Hans Hunkeler, Esperanto-poŝtfako, AARAU, Svisio.

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando